# INTERNACIA FERVOJISTO




1991.1

Urbdomo kaj Caeser-fontano en Olomouc, urbo de la 43a IFK

## REDAKTORA BABILO

Komenciĝis nova jaro, eĉ nova jardeko, kaj la IFEF-estraro bondeziras al ĉiuj legantoj kaj membroj, ke la estonto prizorgu al vi prosperon kaj sanon, feliĉon laú via merito, kaj pacan, laborriĉan Esperanto-vivon je la bono de nia Federacio. Pro la jam farita laboro kaj pro riĉenhavaj horoj kune, ĉu dumkongrese, ĉu aliloke, ni kore dankas.

Jen do la unua numero de IF en 1991. Per ioma prokrasto de la eldono, ni sukcesis aperigi jam nun la kongresproponojn, tiel ke ĉiuj landaj asocioj havas tempon pritrakti ĝustatempe. Pri la IFK en Ĉeĥo-Slovakio ni havas plej lastajn informojn, kaj ni apelacias al vi serioze pripensi partoprenadon, ĉar niaj mezeúropaj kolegoj meritas kaj bezonas nian apogon, kaj ĝin ni povas doni en efika kaj samtempe agrabla maniero per kongresado.

Grava informo estas, ke la antaúkongresa konferenco en Brno devas esti prokrastita ĝis aútuno, supozeble en novembro. Ni donos pliajn sciigojn pri tio, kiam ili estos akireblaj. Anstataúe la praganoj ofertas turisman antaúkongreson en Prago (legu dekstre), sed ne forgesu la postkongreson en Žilina, Slovakio.

Do, ĉion bonan al vi, kara leganto. Estu konscia pri la eblecoj, kvankam la nuno estas turbula.

Red.

## ANTAÚKONGRESA FERIADO EN LA ORA PRAGO

La organizantoj de la 43a IFK invitas al feriado en Prago dum la tagoj 7a-11a de majo 1991.

Oni ofertas elekton de pluraj alternativaj programeroj, i a:

- trarigardo de pragaj memorindaĵoj
- ekskursoj al la ĉirkaúaĵo,
- fakaj ekskursoj,
- komuna interkona bankedo kun tombolo,
- kultura programo laú via antaúa elekto (teatro, koncerto, amuzvespero en bierejo, vinejo aú nokta klubo).

La baza kotizo inkluzivas nur tranoktadon kaj matenmanĝojn en meza kaj turisma loĝkategorioj (laú via elekto), bankedon kaj ĉiceronadon tra Prago. Ciuj aliaj servoj (tag- kaj vespermanĝoj, ekskursoj, enirbiletoj) estas sendevigaj kaj aldone pageblaj.
Aliĝoj kaj informoj ĉe Ceĥa Esperanto-Asocio, Antaúkongreso 1991, Jilská 10, CS-11001 Praha 1.

INTERNACIA FERVOJISTO

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:** E Henning Olsen, Aderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77. Telefakso (deĵore) +45 55 77 15 25.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

**Sekretario:** D-ro Romano Bolognesi, Via Misa 4, I-40139 Bologna.
**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
**Dana bankkonto:** 7363-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.







43a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio
OLOMOUC, 1991-05-11/17, Ĉeĥoslovakio

Aliĝiloj:
s-ro Pavel POLNICKÝ, Příčná 150/VI,
CS-290 01 PODĚBRADY

Informoj:
43a IFEF-kongreso, Ĉeĥa Esperanto-Asocio,
Jílská 10, CS-101 01 PRAHA 1

Bankĉeka konto:
ČSOB Praha, KB Nymburk, Esperanto;
konta n-ro 34833-49158-191

Fervojista sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio kore vin invitas partopreni en la 43a IFEF-kongreso dum la tagoj 1991-05-11/17 en Olomouc, Ĉeĥoslovakio.

La kongreso okazos sub la aŭspicio de la alta protektanto - ĝenerala direktoro de ČSD, D-ro Ivo MALINA.

Iom pri la kongresurbo

OLOMOUC - la urbo de la 43a IFEF-kongreso - iama ĉefurbo de Moravio, ekonomia kaj kultura centro de la moravia subregiono Haná, havas proksimume 110 000 loĝantojn. En ĝi troviĝas gravaj fabrikoj nutraĵindustriaj, maŝinkonstruaj, farmaciaj, metalurgiaj kaj lignoprilaboradaj. La urbo estas sidejo de universitato kaj de kelkaj esplor-institutoj. Ĉi tie okazas ĉiujare konata flor-ekspozicio "Flóra". Por fervojistoj estas interesa fakto, ke Olomouc estas sidejo de unu el kvar ĉeĥoslovakaj fervojaj direkcioj kaj grava kruciĝo de fervojoj.

Olomouc estas ankaŭ grava historia urbo, ties centro estas granda rezervejo de historiaj konstruaĵoj kaj memoraĵoj. La urbo situas ĉe la kunfluejo de la riveroj Morava kaj Bystřice. La princa kastelo kaj episkopejo estis fonditaj jam en la 11a jarcento. La reĝa urbo Olomouc estis fondita en la j. 1253. Komprenebla jam pli frue estis la teritorio de Olomouc loĝata, tra ĉi tie iradis la komercistaj karavanoj jam dum la antikva epoko sur la vojo el Bohemio al orientaj landoj.

En la historia urba centro troveblas pluraj gotikaj, barokaj kaj renesancaj palacoj kaj domoj. Por la ekzemplo oni nomu almenaŭ la urbodomon, en kiu prezentiĝas kelkaj stiloj samtempe kaj la plej alloga estas la konata astronomia turhorloĝo el la 15a jc., detruita en 1945 kaj renoviĝita en 1955. La panoramo de la urbo ne estas imagebla sen sveltaj turoj de la gotika katedralo de Sankta Václav, kiu situas sur la monteto de iama princa (poste reĝa) kastelo. Ce ĉi tiu katedralo estas konstruaĵoj de la menciita kastelo kaj de la episkopa palaco. Oni ne forgesu ankaŭ la urban paroĥan preĝejon de Sankta Mořic, kie troviĝas la mondkonata orgeno de Michal Engler el la jaroj 1740-1745. Por la urbo estas ankaŭ karakterizaj pluraj barokaj fontanoj, la plej konata estas tiu de Caesar proksime al la urbodomo (en renesanco oni opiniis, ke la fondinto de la urbo estas G. Julius Caesar).

En la urbo konserviĝis parto de la gotikaj urbomuregoj kaj de la rene-

sanca fortikaĵa sistemo.

Ĉi tie estas patruj;scienca Instituto kaj Muzeo, kun historiaj, naturscienca kaj artaj kolektoj. En la Galerio de Plastikaĵoj troviĝas kolektoj de la ĉeĥaj artaĵoj de la 19a kaj 20a jarcentoj kaj de la malnova Eŭropa arto.

Oni ankoraŭ menciu, ke la urbo fieras pri la Universitato de Palacký kaj pri la Teatro de Oldřich Stibor.

Al kelkaj programeroj

**Ekumena diservo**
okazos dimanĉe la 12an de majo 1991, inter la 08.00 kaj 09.00 h.

**Inaŭguro, kulturaj programoj**
Solena inaŭguro, same kiel kulturaj vesperaj programoj, estas aranĝotaj en la hotelo "Sigma".

**Interkona vespero, balo**
Ĉi tiuj kongreseroj okazos ankaŭ en "Sigma".
Interkona vespero okazos sabate la 11an de majo 1991 inter la 20.00 kaj 01.00 horoj. La balo estas planita por lundo, la 13an de majo, ekde la 20.00 h.

**Faka programo**
Kunsidoj de la komitato, komisionoj, prezento de faka prelego kaj fervojaj aktualaĵoj okazos ankaŭ en "Sigma".

**Akompanaj programoj**
Oni antaŭvidas (sed ankoraŭ ne garantias) sekvajn akompanajn programoj dum la kongrestagoj:

- **libroservo**, kiun aranĝos ĈEA. Interesatoj, kiuj emas pere de la kongresa libroservo vendi librojn, bonvolu kontakti antaŭe LKK por ekscii la kondiĉojn;
- **filatelia servo**: specialajn filatelaĵojn oni ricevos ĉe la poŝta giĉeto en la kongresejo.
- **radioamatora servo**: dum la kongreso funkcios radioamatora elsendado, kiu havos specialajn kongresajn QSL-kartojn;
- **traurbaj promenoj**: dum la kongresaj tagoj gvidos lokaj esperantistoj interesatojn tra la historia parto de Olomouc, kun klarigo en Esperanto pri unuopaj interesaj lokoj.

Ekskursoj

**Duontaga ekskurso al la urbo Sternberk kaj Sankta Monteto**
La urbo **Šternberk** situas sur la deklivoj de la montaro Nízký Jeseník, 16 km norde de Olomouc. Ĉi-tiea industrio fariĝis konata precipe per la fabrikado de horloĝoj (la marko "Prim") kaj per ligroprilabora industrio. La fervojo Šternberk - Olomouc estis konstruita en la jaroj 1869-1870.

En la urbo estas pluraj domoj konstruitaj laŭ la klasika kaj empira stiloj, super la urbo estas konata **kastelo** el la 13a jc. El la originala frugotika parto de la kastelo konserviĝis cilindra turo kaj kapelo. La kastelo estis rekonstruata en la renesanca stilo en la 16a jc. kaj restaurata en la 19a jc. Ne tro malproksime de la kastelo estas iama **Augustenana monaĥejo**. El la granda monaĥeja preĝejo devenas valora gotika statuo "Madono el Sternberk".

En la menciita kastelo estas **altvaloraj kolektoj** de moraviaj kaj bohemiaj gotikaj artaĵoj, kolektoj de artaj metioj - italaj kaj nederlandaj tapetoj el la 16a kaj 17a jarcentoj, kolekto de renesancaj kaj barokaj kamenoj, verkoj de nederlandaj kaj italaj pentristoj. Oni ne forgesu ankaŭ, ke en la urbo estas **Muzeo de horloĝoj**.

**Svatý Kopeček u Olomouce** (= Sankta Monteto ĉe Olomouc) - iam memstara vilaĝo, nun kvartalo de Olomouc (8 km de la urba centro). Konata turisma punkto. En la jaroj 1679-1689 oni ĉi tie konstruis grandan preĝejon, iom poste oni ankoraŭ alkonstruis

palacon. La preĝejo estas konata pilgrimcelo.

**Duontaga ekskurso al la urbo Kroměříž**

La distrikta urbo Kroměříž troviĝas proks. 45 km sude de Olomouc, ĉe la rivero Morava. Temas pri grava historia urba rezervejo, kiu tamen estas ankaŭ centro por pluraj industribranĉoj: maŝinkonstrua, elektroteknika, nutraĵa, optika. En la urbo estas ankaŭ sidejo de la Grena Esplor-Instituto, de pluraj mezlernejoj kaj de konservatorio. Kun fervojo estis la urbo ligita en j. 1880. Kiel unu el gravaj kulturaj kaj lernejaj centroj de Moravio ĝi estis en la 19a jc. nomata "Ateno de Haná".

Sur la loko de frugotika kastelo estis en la 17a jc. konstruita frubaroka kastelo kun altvalora arta internaĵo. En la kastelo nun estas fama galerio kaj distrikta patrujscienca muzeo. Al la kastelo apartenas ankaŭ granda kaj vidinda Subkastela Gardeno (pli ol 64 ha) fondita en la j. 1665.

El pluraj historiaj vidindaĵoj en la kerno de la urbo oni menciu almenaŭ malnovan renesancan urbodomon, episkopan monerfarejon, gotikan preĝejon de Sankta Moŕic.

**Duontaga ekskurso al la kastelo Bouzov kaj Grotoj en Mladeč**

La vilaĝo Mladeč troviĝas 23 km nord-okcidente de Olomouc. Gi kuŝas en la karsta teritorio; en la j. 1826 estis ĉi tie malkovritaj grotoj, kiuj estas nun natura rezervejo. En la grotoj oni trovis restaĵojn de tn. mamutĉasistoj - tiuj prahomoj vivis ĉi tie antaŭ pli ol 20 000 jaroj.

La urbeto Bouzov kaj la samnoma kastelo situas 32 km nord-okcidente de Olomouc. Pri la gotika kastelo troveblas unua mencio el la j. 1317. En la jaroj 1896-1901 la konstruaĵo estis rekonstruita laŭ la romanika-gotika stilo. En la kastelo videblas valoraj meblaro kaj artaĵ-kolektoj.

**Tuttaga ekskurso al la urbo Strážnice**

Strážnice estas urbeto kun 7 mil loĝantoj, 95 km sude de Olomouc, konata kiel loko de famaj ĉiujaraj folkloraj festivaloj. En tiu pitoreska urbeto kun belege ornamita fervoja stacidomo troviĝas historie konservita parto de iamaj domoj - "skanseno", folklora muzeo, kaj agemaj esperantistoj, kies klubo apartenas al la plej viglaj ene de ĈEA, preparos por la ĉeestantoj certe riĉan kulturan folkloran programon, kies "ora" parto estos ĝuo de tipa sudmoravia vinkelo kun gustumado de bongustaj lokaj vinospecoj.

Ĉi tiu ekskurso konatigos la partoprenantojn kun la ĉefurbo de la moravia folkloro.

**Tuttaga ekskurso al la urbo Rožnov pod Radhoštěm kaj al Radhošť**

La urbeto Rožnov pod Radhoštěm situas sur la rivero Dolní Bečva proks. 75 km oriente de Olomouc. En la urbo estas moderna elektroteknika industrio ("Tesla"), paperfarejo, trikejo. Vilaĝo fondita jam antaŭ j. 1267 ekde la 14a jc. ĝi jam havas urban statuton. Super la urbeto estas ruinoj de frugotika kastelo.

La urbeto fieras ankaŭ pri tio, ke ĉi tie estas, ekde 1925, granda subĉiela muzeo de malnovaj popolaj konstruaĵoj, ankaŭ dum la lastaj jaroj larĝigata. El ĉi tiu vidpunkto estas Rožnov pod Radhoštěm elstara loko en Eŭropo (pli ol 60 valoraj objektoj el Moravia Valaĥio).

Radhošť - la monto proksime al Rožnov pod Radhoštěm, kun la alto 1129 m super la marnivelo, en la arbara montaro. La monto ligita kun multaj mitoj, iama kultejo de praaj slavoj. La naturrezervejo de la abia-faga

arbaro. Montara centro de turismo kaj skiado nomata Pustevny kun kelkaj belaj stilâj konstruaĵoj (kabanoj-manĝejoj). La Cirila-Metodia kapelo estis konstruita en j. 1898 kun tn. Valaĥia Madono. Sur la monto Radhoŝt starantaj statuoj de la slavaj sanktuloj Cirilo kaj Metodio kaj de la slava pagana dio Radegast estis skulptitaj de artisto Albín Polášek, devenanta el la urbo Frenŝtát pod Radhoŝtêm, en Usono kaj de tie estis alportitaj en la j. 1931.

Esperanto-trajnoj
Por la partoprenantoj de la kongreso estas planataj specialaj Esperanto-trajnoj:

1. Wien - Olomouc
Grava atentigo: Kvankam la veturo ne postulos krompagon al la normala veturprezo, bonvolu ne forgesi en la aliĝilo plenigi la koncernan demandon. Estas necese antaŭe koni nombron de interesatoj por uzo de la Esperanto-trajno.

2. Olomouc - Žilina

3. Olomouc - Wien
La Esperanto-trajnon Olomouc-Žilina por la partoprenantoj de la postkongreso, same kiel Olomouc - Wien por tiuj, kiuj veturos tuj hejmen, oni aranĝos nur okaze de sufiĉa intereso. Tial ne forgesu aliĝi al la veturoj, se vi konsideras ilin konvenaj.

43a IFK

Aliĝoj: Relegu IF 6/90, en kiu vi trovas aliĝilon kaj diversajn priskribojn. Ni denove atentigas pri la ebleco pagi kongreskotizon, ĉambroperadon kaj la unuan tranokton al la IFEF-kasisto, prefere al ties dana poŝta ĝirokonto. La aliĝilon daŭre sendu al Podébrady kun indiko, ke vi pagis al la IFEF-kasisto.
- - -
Notu bone, ke la antaŭkongresa konferenco en Brno estas prokrastita kaj ne okazos en majo.

## LA VIVO DE NIAJ LANDAJ ASOCIOJ KAJ SEKCIOJ

### Jarkunvenoj

FFEA
La francoj okazigos jarkunvenon dum la tagoj 10a-14a de aprilo 1991 sur insulo Berder ĉe la atlantika marbordo sude de Bretonio, La insulo situas en la golfo Morbihan je 16 km de Vannes kaj 14 km de Auray. Informoj ĉe FFEA, 1 bis, rue d'Athènes, F-75009 Paris.

DEFA
La danoj planas okazigon de sia jarkunveno sabate la 16an de marto 1991 en Næstved, 90 km sude de Kopenhago. Informoj ĉe la redakcio de IF, kiu hazarde troviĝas en la sama urbo.

FERN
Dum semajnfino en aprilo (20/21 aŭ 27/28) 1991 en sudnederlanda urbo. Informoj ĉe la redaktoro de "Fervojisto", Postbus 556, NL-3500 AN Utrecht.

GEFA
Jarkunveno de GEFA 11an-13an de oktobro 1991 en Friedrichshafen ĉe Bodensee (Konstanca Lago). Interalie ŝipveturado al Lindau sabate posttagmeze. Informoj kaj aliĝo ĉe s-ro Siegfried Krüger, Dinkelsbühler Str. 12, D-W-7100 Heilbronn.

43a IFEF-KONGRESO, 1991-05-11/17, OLOMOUC - ĈEĤOSLOVAKIO

## P R O V I Z O R A   P R O G R A M O

Sa 1991-05-11
10.00/22.00 = Registrado - la akceptejo malfermita
10.00/12.00 = Gazetara konferenco
14.00/16.00 = Kunveno de LKK kaj IFEF-estraro
20.00/01.00 = Interkona vespero

Di 1991-05-12
08.00/09.00 = Ekumena diservo
10.00/12.00 = Solena inaŭguro de la kongreso
12.45/13.00 = Komuna fotado
15.00/18.00 = Duontaga ekskurso
20.00/22.00 = Kultura programo

Lu 1991-05-13
09.00/12.00 = Komitata kunveno (nepublika)
10.00/13.00 = Promeno tra la urbo
14.00/15.00 = Kunveno de FAK (kun balotoj)
15.30/17.30 = Kunveno de TK (kun balotoj)
18.00/20.00 = Bankedo
20.00/01.00 = Balo

Ma 1991-05-14
09.00/13.00 = Plenkunsido
14.00/14.50 = Redaktora kunveno
15.00/16.20 = Faka prelego
16.30/17.20 = Movadaj aferoj
20.00/23.00 = Renkontiĝo kun lokaj esperantistoj

Me 1991-05-15
08.00/20.00 = Tuttagaj ekskursoj
ekde 20.00 = Vespero libera

Ja 1991-05-16
09.00/10.20 = Komuna kunveno de FAK kaj TK
10.30/13.00 = Fervojaj aktualaĵoj
14.00/19.00 = Duontaga ekskurso
20.00/22.00 = Folklora vespero

Ve 1991-05-17
09.00/10.50 = Kunveno de TK
11.00/13.00 = Kunveno de FAK
14.00/16.00 = Ferma solenaĵo

Postkongreso 1991-05-18/25: en formo de feria kaj kultura semajno, en Žilina (Slovakia montaro). Necesas aparta aliĝilo!
Koresponda adreso por la postkongreso:
s-ino Magdalena FEIFIČOVÁ, Tom 25/5, CS - 010 01 ŽILINA.

## 43a IFEF-KONGRESO - OLOMOUC - 1991-05-11/17

### KONGRESPROPONOJ

Propono n-ro 1
La IFEF-estraro proponas:
Oni aldonu al cif. 15) de la Kongresa Regularo, inter "Honora Patrona Komitato" kaj la vorto "kaj" jenajn vortojn:
"la gvidantoj de la Terminara kaj de la Fake Aplika Komisionoj".

Do, post la modifo la kompleta alineo estos la jena:

15) Senpagajn kongreskartojn ricevas estraranoj, ĉefkomitatano, honoraj prezidantoj, honoraj membroj, membroj de la Honora Patrona Komitato, la gvidantoj de la Terminara kaj de la Fake Aplika Komisionoj kaj LKK-anoj.

Komentario:
La gvidantoj de la Terminara Komisiono kaj de la Fake Aplika Komisiono dum la tuta jaro devas apliki multe da tempo, eĉ monon por plenumi siajn taskojn. Estas nepre dezirinde, ke ili regule partoprenu en la kongresaj kunsidoj. Pro tio IFEF plifaciligu al ili la partopreneblecon.

Propono n-ro 2
La IFEF-estraro proponas:
Oni aldonu al cif. 16) de la Kongresa Regularo, inter la vortoj "estraranoj" kaj "el la kongresa kaso" jenajn vortojn:
"la ĉefkomitatano kaj la gvidentoj de la Terminara kaj de la Fake Aplika Komisionoj".

Post tiu modifo, la kompleta alineo estos:

16) LKK pagas la tranoktkostojn de la estraranoj, de la ĉefkomitatano kaj de la gvidantoj de la Terminara kaj de la Fake Aplika Komisionoj el la kongresa kaso.

Komentario:
La ĉefkomitatano kaj la gvidantoj de la Terminara kaj de la Fake Aplika Komisionoj dum la tuta jaro devas uzi multe da tempo kaj eĉ monon por plenumi siajn taskojn. Estas nepre dezirinde ke ili regule partoprenu la kongresajn kunvenojn.
Pro tio IFEF plifaciligu al ili la eblecon partopreni

Propono n-ro 3

Baze de la § 8 (4) de la IFEF-statuto, respektive de ĝia ĝenerala regularo, nome de FFEA, la prezidanto/komitatano inĝ Pierre ROBIOLLE, proponas nomumi (postmorte) s-ron K.G.J. de JONG "HONORA PREZIDANTO DE IFEF".

Tiu propono, kies motivon vi povas legi aliloke, estas apogita, kaj subskribita de:
- IFEF Vicprezidanto inĝ István GULYÁS el Hungario,
- Honora Prezidanto de HEA, D-ro Stefano BÁCSKAI el Hungario,
- ĉefkomitatano Lucien DE SUTTER el Belgio,
- komitatanoj: Jean ROLAND, el Francio,
  Germano GIMELLI, el Italio,
  Jan BULTMAN, el Nederlando,
  Alan BURGESS, el Britio.

La Ĉefkomitatano,
Lucien de Sutter.



## MOTIVO POR NOMUMI S-RON K.G.J. DE JONG "HONORA PREZIDANTO DE IFEF"



La 27an de januaro 1902 naskiĝis K.G.J. de JONG en FINKUN, Nederlando. Li fariĝis fervojisto kaj esperantiĝis en 1930. Baldaŭ li sukcese trapasis la ekzamenojn A (parolkapablo) kaj B (instrukapablo).

En 1932, li komencis instrui Esperanton, kaj starigis la fervojistan Esperanto-grupon UNFEG en Amsterdam.

Post la dua mondmilito fondiĝis FERN en kiu de JONG estis fervora aktivulo.

En la dua IFEF-kongreso en 1950 oni elektis lin redaktoro. Li plenumis tiun taskon ĝis 1958. Dum tiuj jaroj li sukcesis evoluigi la IFEF-organon "Bulteno".

La plej grava epoko de la vivo de de JONG datiĝis de 1958 ĝis 1968, kiam li gvidis la Federacion kiel Prezidanto. Estis la jaroj, kiam la Federacio atingis pli ol 2600 membrojn, kiam la nombro de landaj asocioj kreskis ĝis 19. Entute de JONG donis siajn fortojn kaj kapablojn al la estraro de IFEF 18 jarojn.

Post la eksiĝo el la estraro, li daŭrigis en sia hejmlando. Li gvidis la Amsterdaman grupon FERN, kunlaboris en la TK, redaktis la FERN-organon "Fervojisto", kaj estis estrarano de FERN.

En 1968 li prezentis indan verkon: "Historio de la fervojista Esperanto movado".

Jen kronologia resumo de la Esperanto-laboro de de JONG.

| | |
|---|---|
| 1946 | ano de FERN ĉe la fondiĝo |
| 1948 | ano de IFEF |
| 1958-1968 | Redaktoro de "Bulteno" |
| 1955-1973 | Prezidanto de UNFEG |
| 1958-1968 | Prezidanto de IFEF |
| 1967-1984 | ano de la Terminara Komisiono |
| 1971-1979 | Redaktoro de "Fervojisto" (FERN) |

Li ricevis oran medalon de FISAIC en 1969

La ordenon "kavaliro en Orange Nassau"

IFEF nomis lin "Honora menbro de IFEF" en 1975

Ĝismorte K.G.J. de JONG aktivadis kaj restis fidela al nia movado.

P.R.

---

## GRAVA LASTMINUTA INFORMO

La alta protektanto de la 43a IFEF-kongreso, ĝenerala direktoro de ĈSD d-ro Ivo MALINA ĵus subskribis decidon, ke ĉiuj partoprenantoj de la kongresaj aranĝoj ricevos liberan bileton por la tuta reto de ĈSD dum la periodo 4a-25a de majo 1991.

Tio do validos por la antaŭkongresa aranĝo en Prago, por la IFK en Olomouc kaj por la postkongreso en Žilina.

LKK povas fieri pro tiu atingaĵo, kaj nia rekompenco estu amase aliĝi kaj partopreni la aranĝojn.

## HONORITOJ

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco aŭ FISAIC per medalo, ni priskribas tion en IF. Sed kiu memoras ĉiam ĉiujn. Tial ni jen publikigas liston de honoraj prezidantoj kaj membroj, honoritoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora Patrona Komitato de IFEF:

| Honora prezidanto | | jaro |
|---|---|---|
| Giessner, Joachim | FR Germanio | 1990 |

| Honoraj membroj | | |
|---|---|---|
| Biesheuvel, Wilhelm † | Nederlando | 1958 |
| Drijfhout, Egbert † | Nederlando | 1958 |
| Stapel, Walig † | Nederlando | 1958 |
| Hoen, Harmen † | Nederlando | 1963 |
| Lok, Jan † | Nederlando | 1965 |
| Kensing, Ingvard † | Danio | 1973 |
| de Jong, Kornelis G.J. † | Nederlando | 1975 |
| Walder, Otto † | Svislando | 1975 |
| Thorsted, Niels Christian † | Danio | 1976 |
| D-ro Bácskai, István | Hungario | 1976 |
| Mag. Narvala, Nils Gösta † | Finnlando | 1976 |
| Gimelli, Germano | Italio | 1977 |
| Labordus, Jacob Johannes † | Nederlando | 1977 |
| Inĝ. Rebiĉek, Jaromir | Ĉeĥoslovakio | 1977 |
| Bürger, Johann | Aŭstrio | 1978 |
| Poly, Pierre | Francio | 1978 |
| Kruse, Elfriede | FR Germanio | 1980 |
| van Leeuwen, Willem | Nederlando | 1980 |
| Blondeaux, Andre † | Francio | 1983 |
| Lemonnier, Germaine | Francio | 1985 |
| Zupaniĉ, Josip † | Jugoslavio | 1986 |
| Engen, Per | Norvegio | 1988 |

| Honoritoj per FISAIC-medalo | | medalspeco | |
|---|---|---|---|
| Geroldinger, Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Blaauw, M.Thies † | Nederlando | arĝenta | 1967 |
| Hunkeler, Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| de Jong, Kornelis G.J. † | Nederlando | ora | 1969 |
| Lemonnier, Germaine | Francio | arĝenta | 1969 |
| Giessner, Joachim | FR Germanio | ora | 1970 |
| Lok, Jan † | Nederlando | ora | 1970 |
| Blondeaux, André † | Francio | arĝenta | 1971 |
| Ritterspach, Gernot † | FR Germanio | arĝenta | 1971 |
| | | ora | 1990 |
| Zupanic, Josip † | Jugoslavio | arĝenta | 1971 |
| Christoffersen, Johannes † | Danio | arĝenta | 1973 |
| Walder, Otto † | Svislando | ora | 1974 |
| Kruse, Elfriede | FR Germanio | ora | 1975 |
| Bengtsson, Harry | Svedio | bronza | 1976 |
| Barks, Horace † | Britio | arĝenta | 1977 |
| van Leeuwen, Willen | Nederlando | ora | 1979 |
| Labordus, Jacob Johannes † | Nederlando | arĝenta | 1981 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| D-ro Bácskai, István | Hungario | ora | 1982 |
| Sredič, Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig, Heinz Dieter | FR Germanio | ora | 1988 |

Honora Patrona Komitato de IFEF:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1970 | D-ro Schlesser, Emile † | Luxemburgo | Generala prez. de FISAIC |
| | I.A.Pahin | Francio | Prezidanto de UAICF |
| | Cesi, Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviario, Bologna |
| 1971 | Inĝ Rödönyi, Karoly | Hungario | Unua Anstataŭanto de la Ministro por Poŝto kaj Trafiko |
| 1972 | D-ro ing. Azzi, Giordano | Italio | Honora membro de UEA, prezidanto de Itala Esp.-Federacio |
| 1977 | D-rino Boulton, Marjorie | Britio | Universitato Oxford |
| 1987 | Inĝ Rodak, Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de fervoja direkcio Katowice. |

## HISTORIA EVENTO EN RUMANIO

Dimanĉon, la 11an de novembro 1990 kunvenis en Sinaia, proksime de Braŝov, ĉirkaŭ 20 rumanaj gefervojistoj, kiuj reprezentis diverslokajn fervojistajn Esperanto-societojn. Ĉeestis ankaŭ du vicprezidantoj de Rumana Esperanto-Asocio, nome d-ro M. Constantonesco kaj s-ro I. Sirbu, la sekretario de la hungara landa asocio de IFEF, J. Patay, kaj la honora prezidanto de IFEF, J. Giessner.

Celo de la kunsido estis, refondi landan rumanan fervojistan asocion, kiu jam ekzistis en la sepdekaj jaroj, sed pro konataj kaŭzoj neniam efike povis kunlabori en IFEF. La kunvenintoj elektis naŭkapan estraron sub prezidanto inĝ. Dorin Pacioglu el Braŝov. Nomo de la nova organizo estas Fervojista Sekcio de Rumana Esperanto-Asocio. Gia sidejo estas Braŝov. Oni intencas peti aliĝon al IFEF en la jaro 1991.

La rumanaj kolegoj utiligis la okazon kaj aranĝis en la loka fervoja direkcio Braŝov prelegon kun diapozitivoj pri la temo "Organizo, funkcio kaj servoj de okcidentaj fervojoj". Prelegis J. Giessner, kiu jam antaŭe en Hungario en kelkaj urboj faris saman prelegon. Gi kompreneble okazis en Esperanto kaj estis tradukita de la nova prezidanto Pacioglu. Tiel tuj estis pruvita la praktika taŭgeco de la Internacia Lingvo. Granda estis la intereso pri faktoj ĝis tiam al ili ne konataj. Sekvis unuhora diskutado, kiun eĉ ĉeestis la direkcia direktoro.

La ĉeesto de la honora prezidanto de IFEF krome donis okazon fari konsiderindajn paŝojn por plifirmigi la ĝis nun apenaŭ ekzistantajn rilatojn inter FISAIC kaj rumanaj fervojistoj.

Restas esprimi la deziron, ke la nova ĝermo bone kreskos kaj fariĝos forta planto en la ĝardeno de IFEF.
Gi



Diskutrondo de inĝenieroj post la fakprelego en la fervoja direkcio de Braŝov. Unua de maldekstre prezidanto de FS REA Pacioglu, dua de dekstre la direkcia direktoro, meze honora prezidanto de IFEF.

Walter Ullmann
Germanio

## UNUIĜO de GERMANIO - konsekvencoj por la fervojoj

Ĝis la fino de la dua mondmilito ekzistis en Germanio 48 fervojaj linioj, kiuj trapasis la poste estiĝantan landlimon, unue inter la zonoj de la okcidentaj trupoj unuflanke kaj la soveta armeo aliflanke kaj poste inter la du germanaj ŝtatoj FRG kaj GDR.

Dum la fondiĝo de la du germanaj ŝtatoj aŭtune 1949 ekzistis nur ankoraŭ jenaj limpasantaj linioj, de kiuj ĉi tie estas indikitaj nur la du landlimaj stacioj (ĉiam unue de la DB, poste tiu de la DR).

N-ro DB DR
1. Lübeck / Herrnburg (ĝis 1952, fermita ĝis 1960, denove malfermita marton 1960).
2. Büchen / Schwanheide [Ŝvanhajde]
3. Wolfsburg / Oebisfelde
4. Helmstedt / Marienborn
5. Walkenried / Ellrich [Elriĥ]- nur por vartrajnoj
6. Bebra / Gerstungen tra Wartha
7. Ludwigsstadt / Probstzella
8. Hof / Gutenfürst

Post la malfermo de la landlimo inter la du germanaj ŝtatoj je la 09.11.1989 okazis sur la fervoja kampo jeno:
- La linio tra la landlima stacio Walkenried / Ellrich (n-ro 5) servis nun ankaŭ por la pasaĝertrafiko.
- Oni rekonstruis la iaman linion Eichenberg [Ajĥenberg] - Arenshausen. Ĝi ekfunkciis je la horarŝanĝo la 27.05.1990 (la aŭtoro vizitis la staciojn kaj la linion je la 25.05.90) Trafikas nun tie labortage 10 pasaĝertrajnoj - ambaŭdirekte.
- Komenciĝo de rekonstruo de la iama linio Bebra / Gerstungen (n-ro 6) al Eisenach [Ajsenaĥ], branĉo tra Herleshausen-Wartha, kiu funkciis nur ĝis 1961. Poste ĝi estis anstataŭigata per la linio Gerstungen - Förtha - Eisenach. La kaŭzo estis, ke la linio inter Bebra kaj Eisenach pasas kvinfoje la limon, kio malfaciligis la kontrolon kaj pririgardadon - flanke de GDR.

En aŭgusto 1990 la registaro de FRG en konsento kun tiu de GDR decidis fari jenon:

Plibonigado de la ekzistantaj linioj n-roj 2, 4, 6, 7 kaj 8, ekzemple elektrizado aŭ dutrakigo anstataŭ (parta) unutrakigo. Aldone oni planas novan linion por trafiko kun granda rapido inter Hannover kaj Berlino, parte uzanta la ĝisnunajn liniojn (pretan ĝis 1997, tra limstacioj n-ro 3).

Sed pli interesas, ke oni volas rekonstrui sekvajn liniojn, kiuj dum pli ol 45 jaroj ne funkciis:

a) Bad Harzburg (DB) - Stapelburg (DR) - unutraka rekonstruo ĝis 1992;
b) Mellrichstadt (DB) [Melriĥstad]- Rentwertshausen (DR) - unutraka rekonstruo ĝis 1991;
c) Neustadt (bei Coburg) (DB) - Sonneberg (DR) unutraka rekonstruo kaj elektrizado ĝis 1991.

Kiel la aŭtoro vidis proksime de Mellrichstadt septembron 1990, la laboroj jam komenciĝis: oni deprenis tie la barilon de la trako ĉe la landlima punkto, forhakis la arbojn kaj arbustojn, kiuj kreskis dum jaroj sur la trako kaj inter la ŝpaloj kaj boris jam - eĉ dimanĉe - por ekzameni, ĉu la pontoj ankoraŭ taŭgos por la trafiko (fotoj n-roj 1, 2, 3).

Landlimo
(iama)

Lübeck Herrnburg

Büchen Schwanheide



Foto 1

FRG
(DB)

GDR
(DR)

BERLIN



Wolfsburg Oebisfelde

Helmstedt Marienborn

Magdeburg

Bad Harzburg Stapelburg

Walkenried Ellrich

Eichenberg Arenshausen

Leipzig

Eisenach

Bebra Gerstungen

Erfurt

Rentwertshausen

Mellrichstadt

Sonneberg

(b/Coburg)

Probstzella

Ludwigsstadt

Gutenfürst

Hof



Foto 2


Foto 3


Foto 4


Foto 5

Fotoj n-roj 4+5 montras la laborojn en la stacio Herleshausen (junion 1990). Herleshausen estis "fervoja insulo", ĉar kvankam situante sur la teritorio de FRG la relaro kondukis en ambaŭ direktoj al GDR. La personalo tie estis FRG-anoj, sed ili estis dungitaj kaj salajritaj per la DR.

Post 1992 restos ankoraŭ 36 linioj fervojaj, kiuj ne estos denova malfermataj, sed oni ne povas atendi, ke tio efektiviĝos komplete, ĉar intertempe la nombro da pasaĝeroj kaj la ekonomiaj rilatoj ŝanĝiĝis. Estas ankaŭ tiel, ke ambaŭflanke oni ĉesigis ofte la funkciadon de la restintaj fervojlinioj, kiuj iam kondukis al la siatempe alia ŝtato.

Malgraŭ la unuiĝo ekzistas du fervojaj organizaĵoj unu apud la alia dum certa tempo, nome la DB kaj la DR. Tamen la unuiĝo de Germanio influis ankaŭ la fervojajn rilatojn, ne nur la korojn. Ĝi signifas ankaŭ, ke la limo kaj landlimaj stacioj ne plu ekzistas. Oni nun parolas pri transitpunktoj inter DB kaj DR, kvankam la trajnoj de ili ne plu haltas ekde la lasta horarŝanĝo.

---

## MONUMENTO DE LA BLENDITA TRAJNO

(priskribo de subĉiela fervoja muzeo en Kubo laŭ propra vido, kaj laŭ informoj de s-ano kubana el la urbo, kie tiu muzeo situas: Santa Clara).

Fotoj kaj sendo de la teksto: Walter Ullmann, Germanio.





En la jaro 1952 oficiro de la kubana armeo, Fulgencio Batista, okupis perforte la nacian registaron de Kubo. Dum ĉirkaŭ 6 jaroj li regis la ŝtaton en formo de diktaturo. Ekde 1955 revoluciaj trupoj sub la gvido de Fidel Castro, la nuna prezidanto, luktis kontraŭ tiu reĝimo, komencante en la montaro "Sierra Maestra". Sed ankaŭ en la okcidentaj provincoj de Kubo ili luktis kontraŭ la armeo, kiu defendis la reĝimon sub la prezidanto Batista. Unu de la rimedoj de la diktatora reĝimo, defendi sin kontraŭ la revoluciuloj, estis prepari blenditan trajnon. Ĝi estis plenigata per soldatoj kaj specialaj armiloj. En 1958 ĝi estis sendata al la urbo Santa Clara, kie la revoluciuloj sub la gvido de Camilo Cienfuegos kaj Ernesto (Che) Guevara jam estis ĉirkaŭ la urbo. Ili pretigis embuskon por la trajno proksime de la fervoja stacio, tiel ke ili formuntis relojn kaj uzis dinamiton por ke okazu akcidento. La revolucia armeo post forta batalo mortigis multajn soldatojn kaj la registara trupo kapitulaciis. Do la celo de la trajno ne estis atingata. Post tiu malvenko la ĝistiama prezidanto Batista je la 31.12.1958 forlasis la landon kaj kun tio finiĝis diktatora reĝimo. Tiam la revoluciaj trupoj kun ĉepinta Fidel Castro, povis konkeri la ĉefurbon Havano, kaj tiel venkis la internan militon.

## RAPIDTRAJNOJ KAJ FLUGILRADA SIMBOLO

Svedio eniris la eraon de rapidegtrajnoj per la akcepto de la unuaj trajnunuoj de "X 2000". La novaj trajnoj komence veturas inter la urboj Stokholmo kaj Gotenburgo kaj tiu distanco daŭras ĉ 3 1/2 horojn (kompare al la ĝisnunaj plej rapidaj "City Express" ĉ 4 horojn).

Samtempe SJ (Svedaj Statfervojoj)







ŝanĝas sian simbolon kaj (re)enkondukas stiligitan flugilradon. Ĉisupre maldekstre la malnova simbolo, kaj dekstre la nova simbolo.
(El Nordisk Järnbane Tidsskrift)

**RESPONDOJ DE LA LITERATURA KVIZO EN IF N-RO 6 PG 92**

Bernhard Golden, Hungario, disponigis al ni la "dek-trajnan literaturan kvizon". Antaŭ ol legi la respondojn, relegu la demandojn kaj provu lastan fojon vian kapablon.

**Respondoj**

1. **Metropoliteno**, romano de Vladimir Varankin (1902-1937), rusa docento pri okcidenteŭropa historio.
2. **Tunelo de Kisoj**, novelo de Jean Forge, plumnomo de Jan Fethke, (1903-1980), pola filmreĝisoro.
3. **La Litomiŝla Tombejo**, romano de Karola Piĉ (1920- ), ĉeĥa oficisto.
4. **Preter la Limo**, novelo de Marjorie Boulton (1924- ), emerita angla lernejestrino.
5. **Vojaĝo al Kazohinio**, romano de Sándor Szathmári (1897-1974), hungara inĝeniero.
6. **Kiel Akvo de l'Rivero**, romano de Raymond Schwartz (1894-1973), franca bankdirektoro.
7. **Kara Diablino**, romano de Douglas P. Boatman (1892- ), angla okula optikisto.
8. **La Liberiĝo de la Ĵugisto**, novelo de Ferenz Szilágyi (1895-1967), hungara doktoro pri juro.
9. **Kazinski Venas tro Malfrue**, romano de Deck Dorval (1905- ), belgia industriisto.
10. **Kolektanto de Cielarkoj**, novelo de Tibor Sekelj (1912-1988), jugoslavia muzedirektoro.

---

**Ĉinio**

Oni elektrizis la 635,6-km Guiyang-Kunming-an Fervojon kaj lastatempe transdonis ĝin al trafiko. Ĝia jara transporta kvanto kreskis de 6,9 milionoj da tunoj al 19 milionoj da tunoj, tiel ke Ĉinio multe levis sian fervojtrafikan kapablon en sudokcidentaj provincoj.
(El El Popola Ĉinio)

**FERVOJA KORESPONDA SERVO**

Germano Gimelli, Via Creti 61, I-40128 BOLOGNA, Italio.

Bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on ktp.

Aldonu se eble internacian respondkuponon.

---

**ENHAVO**



---

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en februaro, estas 01.02.1991

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved